# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Vera Payne**

**PLENUMITA 29/03/2018 Tricentsesdeksepa eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,600,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,270,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 334,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 2 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Marto 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 21 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .".



Mi konsilas tute ne sekvi ĉi tiun proponeton de PAG, kun i.a. "Mi igas la informon scii al Petro" kaj "Mi igas Petron scii pri la informo", kiuj du ne signifas la samon kaj ne estas ĝustaj. Anstataŭe mi konsilas uzi, se ambaŭ objektoj ĉeestas, la simplan "Mi sciigas Petron la informon", ja ne miskomprenebla, aŭ uzi la pli agrablan "Mi igas Petron scii la informon".




Se ĉeestas nur unu objekto, la miskomprenoj okazas, ĉar oni ne scias de kiu verbo, igi aŭ la kerna, estas la objekto. Mi proponas tiam uzi "Mi helpigas la knabon" kaj "Mi helpatigas la patron" (= Mi igas la patron helpati" = I get the father to be helped). Same pri la kokino: "Mi manĝigas la kokinon" se mi nutras la kokinon, kaj "Mi manĝatigas la kokinon" se mi igas iun manĝi la kokinon. Ja anstataŭ la PAG-aj "Mi manĝigas pri la kokino" kaj "Mi manĝigas al la kokino", ambaŭ ne klaraj. *Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# Merkredo ĉe la Esperanta Domo, Sidnejo.




## - La morto de malgrandaj lingvoj

### Tempo: Merkredo, 28.3.2018 15h00-17h00



La mondo nuntempe havas ĉirkaŭ 7000 parolatajn lingvojn. Multaj el ili tamen havas intertempe nur kelkajn parolantojn kaj eble malaperos ene de unu generacio. De la proksimume 300 aborigenaj lingvoj en Aŭstralio, nur ĉirkaŭ 10 ankoraŭ estas parolitaj hodiaŭ.

Hodiaŭ ni prezentas kaj diskutas kiel aspektos la lingva estonteco de nia planedo kaj kiel eble Esperanto povas helpi protekti la endanĝerigitajn lingvojn.

Dum la paŭzo, ni provizos kafon, teon kaj ludos muzikon el diversaj lingvoj.

La hodiaŭa gastiganto Rainer parolas kvin kaj duono lingvojn kun Esperanto lia plej pasia. Li komence lernis Esperanton dum 20 horoj ĝis li faris sian unuan Esperanto-vojaĝon (al Japanujo). Rainer vojaĝis al 57 landoj, ĉiam serĉante novajn lingvojn kaj dialektojn.

*Rainer Kurz*






*Petro Danzer* BES Sekretario



# De kvin coloj da cindro kovritaj ĝardenoj



## VOJAĜO AL INDONEZIO.

El de la jaro 1975 ĝis kun 2016 mi vojaĝis dek-tri fojojn tra Indonezio, kiel dorsosaka turisto. En unu el tiuj vojaĝoj min akompanis mia edzino Alida kaj nia maljuna melburna amiko Willy Sinclair, longtempa Esperantisto. Ĉifoje ni vojaĝis el de Balio, per aŭtobusoj, al orienta Ĵavo, kie ni vizitis i.a. naturparkon. Ni tamen baldaŭ vojaĝis al la okcidento de Ĵavo, al urbo Cirebon, pasante la multajn turistajn lokojn dumvoje, kiujn ni vizitis en antaŭaj jaroj. Nia celo estis rekte iri al la okcidenta fino de la insulo, por tie lui boateton por viziti la malmulton kio restis post la

terura eksplodo de la vulkano Krakataŭ kies cindroj en la aero rondiris plurfoje ĉirkaŭ la teron. Ni volis iri laŭ Bandungo kaj retroiri laŭ Djakarto. Sed duonvoje al Bandungo ni restis en urbo Tasikmalaja, por tie manĝi la faman serpentosupon. Ni sciis ke apuda vulkano Galunggung antaŭ kelkaj tagoj eksplodis kaj nun daŭre elkraĉadis fajron kaj lafon kaj cindron kaj ŝtonerojn kaj ŝtonojn, alten kaj malproksimen. Do la duan matenon, manĝinte la bongustan serpenton, pitonon, (Alida kaj Willy ne finmanĝis ĝin), ni prenis aŭtobuson por vilaĝo tute proksime de la vulkano sed ne difektita; kovris ĝin nur tavoleto da kelkaj centimetroj da cindro. Piedirante al la vulkano sur la ĉefvojo nin vokis endomen grupeto de feriantaj studistoj, demandante nin ĉu ni intencas viziti la ĉirkaŭvulkanejan terenon. Ni diris jese kaj ili respondis ke ne eblas alproksimiĝi ĉar ĉirkaŭ la tuta detruita tereno nun estis bariloj kaj oni ne rajtis eniri. Sendube pro la danĝero. Sed la junuloj oferis gvidi nin tra barilpordo kaj pli proksimen al la monto. Ni akceptis la inviton, kaj ni promenis al enirejo, kie staris armita gardisto. Do ni devis aĉeti pakedon da cigaredoj kaj tiam la gardisto enlasis nin.

Ni baldaŭ iris sur vilaĝon kiu estis tute kovrita: la domoj ne plu videblis sed la suproj de la kokospalmoj videblis. La nuraj homoj kiujn ni vidis sur la tereno estis maljuna paro kolektanta la kokosojn. Post tio ni alvenis al profunda valeto kiu estis la nova, aliloka, vojo de rivereto. Por iri pli proksimen al la vulkano ni devis trapasi la novan rivereton. Ni ne deziris fari tion ĉar la grimpoj estis vertikalaj kaj la akvo malseka. Sed la junuloj persvadis nin fari la transiĝon, kaj ili helpis nin malsupren kaj supren iri kaj trovi la malplej profundan lokon en la akvo. Cetere la junuloj asertis ke ni ne retrovenos per la sama vojo. Ni nun venis al vilaĝo kovrita nur duonalte, ĉar sur monteto. Ni povis eniri la forlasitajn domojn kaj lernejon. Por iri al la alia elirejo de la barita tereno ni unue devis promeni pli proksimen al la vulkano, kiu iomete dormis kaj elĵetis sian bolantan internon ne tiom foren kiom antaŭe. Ni tamen timis, sed la junuloj asertis ke la eksplodoj okazas nur dum la noktoj. Kredante ilin ni daŭrigis sur aŭ tra pliajn vilaĝetojn, kaj povis bone observi la fajrantan terenon en kaj ĉirkaŭ la vulkano. Fine ni alvenis al antaŭe turisma vilaĝo Srinaga, bone konata sed nun sen turistoj. Ĝi plu vivis kaj ni sukcesis trovi aŭtobuson por retrokonduki nin al Tasikmalaja kaj ĝiaj manĝeblaj pitonoj. Kaj tiu tago estis la sepdeksepa naskiĝtago de Willy.

Ni dankis la studistojn pro la kvinhora promenado, sed iliaj onklo kaj onklino petis nin endomen por havi manĝon kun ili. Post tio en nia hotelo ni bezonis horon por sencindrigi niajn vestojn. Post tio ni la sekvan matenon aŭtobusis puraj al Bandung.

Post unu semajno retroveninte hejmen ni legis en la ĵurnalo, ke brita aeroplano plena je pasaĝeroj transflugis super la vulkano kaj pro la polvo en la aero unu post la alia flugilmaŝinoj ĉesis funkcii. La piloto do devis serĉi surteriĝlokon sed ne povis vidi la teron, kaj do telefonis la tro malproksiman djakartan flughavenon por demandi kie kaj kiel malsupren iri por surteriĝi. Kiel tialon la piloto diris: “Mi perdis ĉiujn miajn maŝinojn” (*I lost all my engines*). Ĉar la angla lingvo ne estas fidebla kiel internacia lingvo, la indoneziano pensis ke perdi sian maŝinon estas ŝerco, kaj retrosendis: “Do penu forte por retrovi ilin” (*So work hard to find them again*), kaj ne donis permeson surteriĝi. Ebla rezulto: akcidento kun multaj mortoj. Sed bonŝance post tiu ŝercado la flugmaŝino eliris el la polvo kaj unu maŝino komencis refunkcii. Tio savis la flugmaŝinon, kiu nun povis pluflugi al Djakarto. Cetere la registaro post tiu preskaŭa akcidento

ŝanĝis la devigan flugvojon al ĉirkaŭ la vulkano. Kaj la mondo rimarkis, aŭ devus rimarki, la superecon de Esperanto, en kiu lingvo oni en tiaj situacioj ne ludas kun figuraj esprimoj.

*Marcel Leereveld.*

## LA LOGIKO SUPERIGITA ĈE LA NUMERALOJ .

Se ni volas apliki la superan logikon en Esperanto ĉe la numeraloj, ni sekvu la jenajn regulojn (komparu ilin kun la Zamenhof'aj!):

### Jam ekzistantaj:

**1)** La bazaj numeraloj estas adjektivoj difinantaj substantivojn

(junaj knaboj kaj knabinoj; dek-du knaboj kaj knabinoj).

**2)** La bazaj numeraloj estas la solaj adjektivoj en Esperanto kiuj ne havas sian adjektivan finaĵon –a. Ili uzatas ankaŭ kiel adverboj kaj kelkfoje kiel substantivoj kaj kiel verboj.

**3)** Ĉar la bazaj numeraloj ne ricevas la –a-finaĵon, Zamenhof uzis la –a- finaĵon por la ordaj numeraloj: tria, tricentdudekkvina, k.t.p. (ĉi lastaj alie devus formati per sufikso).

**4)** En aglutinaj kunmetoj ne estas streketo nek la kategoria "-a", kaj la antaŭvenanta flankelemento difinas, ĉe numeraloj multobligas, la ĉefelementon. (kvinoble dek estas kvindek).

**5)** Ĉe neaglutinaj kunmetoj la elementoj adiciiĝas, kutime kun streketo inter la elementoj. (sekretario-kasisto; dek plus kvin estas dek kvin).

### Novaj :

**6)** Ĉe neaglutinaj kunmetoj, kiuj estas adicioj, oni ĉiam kunigas la elementojn per intera streketo, **unue** ĉar tion oni kutime faras ĉe nenumeralaj neaglutinaj kunmetoj, kaj **due** ĉar tio montras ke ili formas sintezan vortunuon en frazoj kaj propozicioj.

**7)** La substantivoj miliono, miliardo, biliono, k.t.p., same kiel la substantivoj deko, cento, kaj milo, uzatas kiel numeraloj sen la "-o", se ili estas parto de nombro. (bilion-trimilion-kvarmil-sescent-tridek-ok). Ankaŭ "nulo" estu "nul".

**8)** Ĉar la punkto estas malpli granda kaj malpli rimarkebla ol la komo, estas logika uzi punkton inter cento kaj milo, inter centmilo kaj miliiono, k.t.p., kaj uzi komon inter decimala frakcio kaj ĝia entjera nombro (kiel oni jam faras en eŭropaj lingvoj).

**9)** La bazaj numeraloj, adjektivoj, uzatas ankaŭ kiel adverboj, ekz. en "tricent" la vorto "tri" adverbas ĉe la adjektiva ĉefelemento "cent" same kiel "hel" adverbas ĉe la adjektivo "ruĝa" en "helruĝa. Ĉi tiu reguleto estas nur kosmetika, ĉar ĝi ne ŝanĝas la adjektivecon de la kunmetaĵo.

**10)** Pro la sub 2) menciita decido de Zamenhof li devis fari ekstran reguleton, ke se en vortkunmetaĵo la flankelemento estas orda numeralo, la flankelemento devas ĉehavi la adjektivan finaĵon –a por diferencigi ĝin de baza numeralo, kiel en "La trietaĝaj luantoj" = la luantoj de la tri etaĝoj, kaj "La triaetaĝaj luantoj" estas la luantoj de la tria etaĝo.

Simila specialaĵo okazas, kiam oni substantivigas la numeralon: ĉar "la kvaro" signifas "grupo de kvar", ni por la signifo "la nomo de la numeralo kvar" uzas por ĉi lasta signifo la esprimon "la nombro kvar", ne povante uzi "la kvaro", kio signifas "la kvar aĵoj". Simile por "kvare" ni uzas "en grupo de kvar", se ĝi ne signifas "en la kvara loko (=vicero)".

Notu ke la aliaj numeraloj esprimatas, aŭ povas esprimati, en Esperanto per sufiksoj: -obla, -poa, -ope, kaj -ono.

*Marcel Leereveld.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# "Literatura konkurso Hristo Gorov - Hrima"



Bulgara Esperanto Asocio anoncas Internacian Esperantan Literaturan Konkurson. En la konkurso povas partopreni geesperantistoj el ĉiuj landoj.

Ĉiu aŭtoro rajtas partopreni per unu rakonto aŭ eseo, originale verkita en Esperanto. La rakontoj kaj la eseoj estu ĝis 4 -paĝaj, komputile kompostitaj.

La konkurso ne havas apartan temon.

La gajnintoj ricevos valorajn premiojn.

Bonvolu sendi viajn kontribuojn ĝis la 30a de septembro 2018 rete al modest@abv.bg aŭ poŝte al Georgi Mihalkov, Sofio - *Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



21a de marto, Baha'anoj mondvastaj festas *Naw - Ruz* (Novjaro ).

Mi kore ilin gratulas kun flora brilegeco de mia ĝardeno.



*Petro Danzer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Semajna raporto de Melburno



## DIMANĈA KUNVENO

Dimanĉon la 25-an de Marto kvar homoj kunvenis ĉe ACMI Cafe & Bar por kafumi kaj babili.

## LUNDA KUNVENO

Lundon la 26-an de Marto ses homoj kunvenis ĉe Ross House. Ni diskutis kelkajn asociajn aferojn, babilis kaj manĝis ĉokoladajn ovetojn.

## VENONTAJ KUNVENOJ

Ni ne kunvenos la 1-an aŭ 2-an de Aprilo pro Pasko.

Dimanĉa kunveno,

ĉe ACMI Cafe & Bar, Federation Square

Dimanĉon 8-an de Aprilo je 15:00-17:00

Lunda kunveno, ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

Lundon 9-an de Aprilo je 18:30-20:30

**NUNAJ SEKVANTOJ** (Alklaku la nomon por iĝi plua!)

Meetup – 1075 Instagram – 153

Facebook – 378 Telegram – 19

Twitter – 388

Twitter – 386

*Joanne Johns*



# KRESKO 4

2018 marto

**KROATA ESPERANTISTA KOLEGARO**




***Davor Rostuhar kun la kroata flago ĉe la Suda poluso***

En la marta eldono de *Kresko* ni lernis, ke kroata vojaĝraportisto, esploristo kaj fotisto, 35 jaraĝa Davor Rostuhar, fariĝis la unua Kroato por atingi la Sudan Poluson piede de la bordo de Antarkto. La aventuro finiĝis je la 17a de januaro 2018, post 47 tagoj, 1200 kilometroj kaj en minus 40 gradoj celsiusaj. Kun ĝojplena rideto Davor malferlis la kroatan flagon por la fotografilo.

*Vera Payne*

Ĝuu la 4-an numeron de "Kresko" kaj libere elŝutu ĝin ĉe: www.esperanto-bjelovar.hr






# Bob Felby falis!



Pasintan semajnon Bob Felby falis sur la plankon en sia domo. Tio rezultis en tio, ke lia artefarita kokso elvenis el sia loko kaŭzante multege da dolorego kaj vizito al la malsanulejo. Do Bob ne povus provlegi la AE kiel antaŭe aranĝita. Ni ĉiuj deziras rapidan resaniĝon por Bob. *Roger Springer*





## "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

### Ĉapitro 12 Refoje en Danlando, kie mi fariĝas noktogardisto. Kvara ero



Nun mi devis rapidi al Norda Kapelo por vidi kial la lumo brilas malantaŭ ĝiaj fenestroj. Alveninte tien mi malŝlosis la pordon kaj eniris. Tre trankviligis min vidi nur skafaldojn kaj farbopotojn. Estis nur murŝmiristoj, kiuj forgesis malŝalti la lumon. Tion faris mi, kaj ne verkis raporton pri la afero, mi ne estas stulta !

Inter la tombejo kaj Carlsberg estas mallarĝa ponto super la fervoja linio kaj la vojo. Ĉe unu fino de la ponto situas instituto por junaj fraŭlinoj, kaj ĉe la alia fino la domego de la nuna direktoro de Carlsberg. Ĝi estas unu el la plej luksaj domegoj en Kopenhago. Ĝia tegmento estas farita el kupro. Ĉirkaŭas ĝin brika muro blanka, sur kiun maltrinkas ebriuloj dum la vesperoj, kaj kelkfoje ankaŭ dum la noktoj !

Mi enlasis min en la ĝardenon de la direktoro. Mi ĉirkaŭiris la domegon kontrolante ĉiujn pordojn. Ĉe unu el la pordoj staris du boteloj da biero por mi, aŭ pli bone, unu por mi kaj alia por mia amiko, la strigo. Ĉar la strigo restis alte en arbo, kaj ne volis malsupren flugi, mi trinkis ambaŭ, je la sano de la strigo.

Tiam trairis mi la grandan ĝardenon ĝis la vitraj domoj, kaj eliris la saman vojon, laŭ kiu mi eniris. Tie mi adiaŭis la strigon. Li neniam sekvis min post la direktorloĝejo.

Eniris mi la bierfarejon, laŭ la enirejo sur "*Ny Carlsbergvej*", t.e. nova Carlsbergvojo. En la enirejo la pordisto regalis min per ankoraŭ du bieroj. Miaj klientoj estis ĉiam pli donacemaj ol mia propra direktoro, ĉu ne ?

Mi komencis mian rondon en la bierfarejo. Ie en la korto mi surpriziĝis vidante strangan beston, kian mi neniam en mia vivo vidis. La bierfaristoj klarigis, ke ĝi estas melo. Ĝi venas ĉiun nokton el la tombejo transirinte la ponteton por viziti la bierfarejon. Eble ankaŭ ĝi ŝatas bieron, mi ne scias, mi scias nur, ke la bierfarejo estas tre populara.

Malantaŭ Carlsberg, ĉe la piedo de la granda altaĵo, "*Valbybakke*", situas "*Bakkehuset*", la altaĵa domo. Ĝi belege kontrastas kun la imponaj siloj kaj enboteligejoj de Carlsberg. Origine ĝi estis gastejo kvarala, nun restas nur du aloj. Tiu malalta konstruaĵo datiĝas el 1763. Tie kolektiĝis la plej gravaj artistoj de la Ora Periodo. Famaj poetoj kaj sciencistoj, inter ili Hans Christian Andersen kaj Søren Kierkegaard renkontiĝis tie. Tie ili sidis interparolante, kelkfoje iu ludis la pianon kaj alia, ofte fraŭlino, kantadis. Belaj kaj ĉarmaj vesperoj, ĉu ne ?

*Daŭrigota* *BobFelby*

